# Aŭstraliaj Esperantistoj



## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://itranslate4.eu/

**PLENUMITA 17/12/2015 Ducentkvardekoka eldono 17/12/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



SENDATA AL 315 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**„Aŭstraliaj Esperantistoj“ korektitaj atingeblas je la suba adreso**

(Ctrl+klakigu la veran ligilon) http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo



Estas pli ol 225,000 lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/ (la Esperanto-kurso de Duolingo el de la 28a de Majo 2015)

# 101. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Iom pli pri "de". B.

Pasintnumere ni rimarkis, ke la prepozicio "de" havas kvar tute malsamajn signifojn, laŭ Zamenhof, kvankam en la Fundament'aj reguloj li diris, ke ĉiu prepozicio havas sian propran signifon. Tio veras por ĉiuj aliaj prepozicioj, sed ne por "de". Tio povas kaŭzi, kaj kaŭzas, miskomprenojn. Tial dum la lastaj cent jaroj pluraj Esperantologoj provis solvi tiun problemon. Sed ili kapablis solvi nur parton de la problemo, kaj krome nur per kreado de novaj prepozicioj, do neologismoj. La Esperantistaro do ne akceptis tiujn proponojn, kaj la problemo solvatis nur antaŭ dek jaroj, kiam mi trovis solvon, per oficialaj Fundament'ecaj vortoj, por ĉiuj kvar kazoj.

Vidu en la sekvaj numeroj, kiel mi solvis la problemon.

Marcel Leereveld.



## Pri 3ZZZ radio

La programo en 3ZZZ de la lundo la 14a de la decembro 2015 entenas kelkajn teknikajn problemojn. Tamen eblas aŭdi intervjuon de Hiroko Hiĝimoto pri Teceremonio en Japanujo kaj ree Marcel Leereveld proponas ŝanĝon en la geedziĝkontrakto por eviti krimojn. Nova voĉo aŭdeblas : tiu de Esther Parish

Ĝuu la aŭskultadon La kunvokanto por 3ZZZ Franciska Toubale






# Zamenhofa Festo ĉe Esp.Domo Sidnejo

Venis 30 personoj al la tre sukcesa festo.



**<u>Skribis Chris Holliss pri la festo.</u>**

Estis mirinda renkonti longdaŭrajn geamikojn.

Ni babilis pri la pasinta jaro, eĉ pasintaj jaroj.

Ankaŭ ĉiuj ĝuis bongustajn manĝaĵojn-tre ŝatataj.Tion evidentigas la malplenaj pladoj dismetitaj sur la tabloj.

Saviĝis du specialaj kukoj kontraŭ la malsata svarmo. Ili estis donacoj por Eunice Grahame (naskiĝdatreveno) kaj Margaret Chaldecott (sekretaria laboro)

La bona etoso daŭris pro tri interesaj prelegistoj.

Richard Delamore montris filmeton pri sia studio kaj kunlaborintoj.

Li eksplikis la produktadon kaj enmetadon en youtubon de filmoj, kiujn li kreis.

Daniel Kane parolis pri la unua Esperanta muzeo en Ĉinujo, kiu situas en eta vilaĝo

for de ĉie, fakte en "la mezo de nenie" sed ĝia ekspocizio havas multajn diversajn aĵojn.

Daniel diris ke estis rava suprizo malkovri la muzeon.

Post fotokapta paŭzo Rainer montris al ni sian intervjuon kun Reinhard Selten, kiu gajnis Nobelan Premion por Ludteorio.

Tiu filmo nun atingeblas je Amazon.com

Ludmila kronis la programon. Ŝi kaj ŝiaj muzikistoj per belegaj kantoj kaj kostumoj transformis Esperanto-domon en koncertan halon.

Bonega Zamenhof-Tago.

Kiel Eunice diris "ĉiuj feliĉas kuniĝi". Mi konsentas



# La Adelajda Esperanto-klubo.



La adelajdanoj festis la lastan sabaton en la domo de Indrani. La 16 kuniĝintoj unue prezentis mallongajn paroladojn, legaĵojn, pupteatraĵeton, biografiojn de gravaj esperantistoj kaj jarraporton. La dua programero estis komuna vespermanĝo kaj libera interparolado. Fine ni eniris la muzikan salonon de nia gastigantino kaj kantis ĉe la agrabla akompano de piano kaj banĝoo inter aliaj la origine Esperantan kanton "Esperanta lando" kaj tute specialan dankkanton de Bob al Indrani. La ĝenerala opinio estis, ke la vespero estis sukcesa. Katja Steele





: Bob, Trevor kaj Michael



Madelene kaj Lauren kantas



Margaret kaj Libby

## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo



Esperantistoj sendu ĉiujn petojn por resti en la gastdormejo al la Sekretario de la Esperanto Federacio de NSW retmesaĝe al efnsw@tpg.com.au (ctrl+klakigu la veran ligilon)

★

Lyudmila (KELLOWAY) alvenis la 09-an kaj foriros la 18-an de Decembro 2015.

# Nia datreveno en 2015




La 15an de Decembro estos la 14a datreveno de la lanĉo de edukado.net.

Kiel en ĉiu jaro ni festas tiun tagon per du eventoj.

La unua estas novaĵoj en la PANTEONO, nome la publikigo de la nomoj kaj vivresumoj de la elektitaj personoj, kiujn pro ilia laboro surkampe de la instruado kaj disvastigo de Esperanto ni premias per enpanteonigo. La liston de la premiito de 2015 ni publikigos je horo 0:00 noktmeze laŭ griniĉa tempo, la 15an de Decembro.

La dua evento estas lanĉado de MONKOLEKTADO kadre de kiu ni petas niajn membrojn kontribui al la funkciigo de nia retejo, per mondonacoj ebligi riparojn kaj ampleksigojn de la programa flanko de la paĝaro kaj efektivigon de la konstruigo de kelkaj moduloj.

Por la jaro 2016 ni koncentriĝos je kvar gravaj partoj de edukado.net Bonvolu legi la detalojn en la paĝo 2015 kaj kunfesti kun ni.

Koran dankon, Katalin Kováts, redaktoro

Legu pli ĉe la paĝo: http://edukado.net/novajhoj?id=591






# From**Babel**To **Bahá'í** (FB2B).

Neniu racia homo atendas perfektecon, aparte kiam amatoro levas la plumon. Bonvolu ne forgesi, mi petas. ke tiu ĉi amatoro estas rilate mian novan verkon (*From Babel To Baha'i – parto 1*) ne nur la aŭtoro, la paĝ-aranĝanto, la publicisto ktp sed ankau la redaktoro kies komentoj por ĝisnunigi la verkon, (komenciĝinta en 2012) vi rimarkos de tempo al tempo inter krampoj jene: [ ]. Alivorte, malglataĵoj abundas. Ne hezitu korekti erarojn por plibonigi la enhavon ĉar jam "*FB2B*" parto 2 estas preskaŭ preta. Kvankam pri *FB2B* mi havas kontraktajn devojn, pri kiuj mi ne pridiskutos ĉi tie, tre bona faceto de elektronika aperigo de verkoj konsistas en tio ke oni facile aliigas la enhavon se necese. Kontraŭ kvar aŭstraliaj dolaroj (du kaj duona eŭroj) oni aĉetas "*FB2B*"

Paŭlo (Adelajdo, Aŭstralio.) (UEA fak-delegito pri Bahaismo.) **FROM BABEL TO BAHÁ'Í (FB2B)**